


BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO




# Fotoj pri la 50-a BKE

*108-a jaro*
*N-ro 352*
*Marto 2015*




## Scenejoj de la vivo

## La Poznana kurso

## Malvivaj animoj

## *Ç-A ÇA* kontraŭ *T-O TO*



Brazila Esperantisto
Nacia kaj Internacia Kulturo
N-ro 352 – Marto 2015 • 108-a Jaro



La 50-a Brazila Kongreso

# Enhavo



*Mi komencis tiam evitadi laŭvortajn tradukojn el tiu aŭ alia lingvo kaj penis rekte pensi en la lingvo neŭtrala. Poste mi rimarkis, ke la lingvo en miaj manoj ĉesas jam esti senfundamenta ombro de tiu aŭ alia lingvo, kun kiu mi havas la aferon en tiu aŭ alia minuto, kaj ricevas sian propran spiriton, sian propran vivon, la propran difinitan kaj klare esprimitan fizionomion, ne dependantan jam de iaj influoj. La parolo fluis jam mem, flekseble, gracie kaj tute libere, kiel la viva patra lingvo.*

El la "Letero al Borovko" (1896) de L. L. Zamenhof

**Revukunlaboraĵoj**: La ĉefredaktisto rigardas gravaj la kunlaboraĵojn senditajn de legantoj. Tamen, pro hommanko, spac-limigoj en la revuo, kaj kromaj limigoj, li rezervas al si la rajton: **1-e:** ne sciigi la ricevon; **2-e:** ne redoni la sendaĵojn; **3-e:** ne garantii la publikigon; **4-e:** mallongigi tekstojn tiam, kiam necese; **5-e:** ilin reviziigi laŭ ortografio, gramatiko kaj fakvortoj. Kiel gramatikan konsultfonton ni rekomendas la verkon *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko* (v. 15.0), de Bertilo Wennergren. La signifon de ĉiuj vortoj netroveblaj en *Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto* (2005) oni aparte klarigu per piednotoj aŭ glosaro.

Komercaj markoj reproduktitaj celas nur ilustri kaj apartenas al la posedantoj.

**Anonctarifo:** Tabelo pri prezoj de anoncoj en *Brazila Esperantisto*, laŭ paĝonoj.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| tutpaĝa (19x25cm) 4-a kovrilo R$ 900,00 (kolora) 2-a kaj 3-a kovriloj R$ 600,00 (nigra-blanka) | 1/2 duonpaĝa (9x24cm) R$ 450,00 (kolora) R$ 300,00 (nigra-blanka) | 1/3 trionpaĝa horizontale (8x18cm) R$ 300,00 (kolora) R$ 200,00 (nigra-blanka) | 1/3 trionpaĝa vertikale (8x18cm) R$ 300,00 (kolora) R$ 200,00 (nigra-blanka) | 1/6 sesonpaĝa (7,8x8cm) R$ 150,00 (kolora) R$ 100,00 (nigra-blanka) |

# Enkonduko



Estimataj Gelegantoj:

Jen la unua numero de la kuranta jaro, kiam nia revuo fariĝas 108-jara. Ĉar la naciaj Esperanto-Kongresoj translokiĝis al Januaro, la Marta numero prezentas la Financan Raporton de 2014.

En la venonta Aprilo okazos la reviviĝintaj BEL-Konferencoj, pri kiuj raportas Paulo Sergio Viana. La programo enhavas multajn altnivelajn kaj interesajn prelegojn pri plej diversaj temoj. Partoprenu ankaŭ vi!

Sekve ni prezentas la rezolucion de la ĵus okazinta 50-a Brazila Kongreso de Esperanto, kies provoka ĉeftemo estis: *Orjubilea kongreso: ĉu ni sukcesis?*

Sekvas dupaĝa fotraporto pri la 50-a BKE, kie ni klopodis prezenti kelkajn ĉefaspektojn de tiu evento. Bedaŭrinde, ne eblas montri ĉiujn prelegintojn kaj kunvenojn, pro spaclimigo kaj ankaŭ pro la fakto, ke la fotinto (Francisco S. Wechsler) ne sukcesus ĉeesti samtempe plurajn programerojn.

Hilmar Ferreira prezentas interesan raporton — kun la kurioza titolo *Ç-A ÇA kontraŭ T-O TO* — pri propaganda agado ordinare neglektata de niaj aktivuloj, nome, klarigi al loĝantoj de Esperanto-stratoj la originon de tiu nomo. La vero estas, kiel jam emfazis antaŭ kelke da tempo s-ano José Saraiva Mattos, ke la granda plimulto de tiuj loĝantoj tute ne scias, kio estas Esperanto.

Paulo Sergio Viana recenzas la faman romanon *Malvivaj animoj*, de Gogol, kaj profitas la okazon por elreviĝe kaj draŝe kompari la ĝeneralan staton de korupto priskribitan en tiu libro kun la nuntempa situacio de Brazilo.

Karina Oliveira prezentas raporton pri siaj spertoj rilate la trijaran kurson pri interlingvistiko en Poznano, kiun ŝi nuntempe partoprenas. Tiu ĉi raporto interesos ne nur aliajn Brazilanojn, kiuj planas iri tien, sed ankaŭ ĝenerale la Brazilan Esperantistaron. Ŝia priskribo estas detala kaj samtempe vivplena.

Nia mondfama barbulo Amarílio Carvalho estas intervjuata en ĉi tiu numero. Li priskribas, per sia kutime patosa stilo, sian Esperantistiĝon kaj siajn naciajn kaj internaciajn spertojn pri la prezentado de la monologo *Tiradentes: fidoplena martiro*. Nuntempe li preparas sin por denove prezenti ĝin ĉe la venonta Universala Kongreso en Francujo.

Dirce Salles verkis por nia revuo unu plian delikatan kaj kortuŝan rakonteton, ĉi-foje pri homa solidareco. Certe ĝi plaĉos al vi.

Ni ankaŭ preparis por tiu ĉi numero du notetojn: unu lingvan, pri la ofta misuzado de la verbo *sukcesi* fare de Brazilanoj; kaj alian, sciencan, pri maniero identigi dolormienojn ĉe ĵusnaskitoj en intensivaj flegejoj, per la helpo de komputilprogramo.

Esperebl vi ĝuos la legadon kaj riĉigos vian kulturon per la diversaj informoj liveritaj de nia revuo, ĉu pri la mondo, ĉu pri nia Esperanto-movado. Bonvolu ne forgesi kontribui al ĝi per notoj, artikoloj, beletraĵoj ktp.

Bonan legadon!

La ĉefredaktisto


**Brazila Esperantisto**

ISSN 0006-9477
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
108-a jaro, Marto 2015, N-ro 352

**Eldona Stabo**
**Ĉefredaktisto:** Francisco Stefano Wechsler

**Ĉi-numeraj kunlaborantoj**: Amarílio H. Carvalho, Francisco S. Wechsler, Dirce Salles, Herbert A. Welker, Hilmar I. S. Ferreira, Karina Oliveira kaj Paulo S. Viana

**Grafika aranĝo kaj enpaĝigo:** Francisco S. Wechsler
**Revizio kaj tradukado:** BEL-asesorskipo

Kontribuaĵojn kaj mesaĝojn sendu al la ĉefredaktisto: esperanto@fswechsler.com

**Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem**

Brazila Esperanto-Ligo (Fondita en 1907)
**Sidejo:** SDS–Bloco P36–Salas 301/303–Ed. Venâncio III CEP 70393-902 Brasília,DF
**Telefono:** (0xx61) 3226-1298 **Fakso:** (0xx61) 3226-4446
**Retadreso:** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo:** www.esperanto.org.br

**Estraro**
**Prezidanto:** Evandro Avellar
**Financdirektisto:** Maria Barcellos **Kasisto:** Sandro M. Alves
**1-a Sekretario:** Euripedes Barbosa **2-a Sekretario:** Emilio Cid
**3-a Sekretario:** Francisco Mattos

**Kontrola Konsilantaro**
Guilherme Jardim , Josias Barboza, Paulo Nascentes, Aymoré Vaz Pinto, James Piton kaj Ana Rosario Koide Kamey de Oliveira

**Federacia Konsilantaro**
**Prezidanto:** Márcio Santos Nascimento
**Komitatano-A:** Rafael Zerbetto
**Ĉefdelegito de UEA**: Emilçio Cid

# Financa raporto de BEL — 2014



**DEMONSTRAÇÃO DE RESULTADO DO EXERCÍCIO - Analítico / Acumulado** Período: 01/2014 a 12/2014.

| Conta Contábil | Descrição | Saldo Atual |
|---|---|---|
| 3 | RECEITAS | 188.223,87 |
| 3.1 | RECEITAS | 188.223,87 |
| 3.1.1 | RECEITA DE CUSTEIO | 133.746,83 |
| 3.1.1.1 | CONTRIBUIÇÕES DE ASSOCIADOS | 133.746,83 |
| 3.1.1.1.000002 | RECEITAS DE CONGRESSOS | 200,00 |
| 3.1.1.1.000004 | ANUIDADES SOCIAIS | 78.164,00 |
| 3.1.1.1.000005 | DONATIVOS DIVERSOS | 21.207,80 |
| 3.1.1.1.000006 | DOAÇÕES EM DINHEIRO | 1,31 |
| 3.1.1.1.000007 | DONATIVOS AMIGOS DA BIBLIOTECA | 34.173,72 |
| 3.1.2 | RECEITAS DE VENDAS | 31.577,12 |
| 3.1.2.1 | RECEITAS DE VENDAS | 31.577,12 |
| 3.1.2.1.000001 | VENDAS DE LIVROS A VISTA | 30.247,07 |
| 3.1.2.1.000002 | VENDAS DE LIVROS A PRAZO | 459,48 |
| 3.1.2.1.000004 | VENDAS DE LIVROS P/EXTERIOR | 870,57 |
| 3.1.4 | RECEITAS FINANCEIRAS | 2.749,69 |
| 3.1.4.1 | RECEITAS FINANCEIRAS | 2.749,69 |
| 3.1.4.1.000001 | RENDIMENTO DE POUPANÇA | 881,39 |
| 3.1.4.1.000002 | RENDIMENTO DE ALICAÇÃO | 1.868,30 |
| 3.1.5 | OUTRAS RECEITAS EVENTUAIS | 20.150,23 |
| 3.1.5.1 | RECEITAS EVENTUAIS | 20.150,23 |
| 3.1.5.1.000001 | ALUGUEL DE SALAS | 20.150,23 |
| | **RESULTADO BRUTO DO PERÍODO** | **188.223,87** |
| 4 | DESPESAS OPERACIONAIS | -141.375,02 |
| 4.1 | DESPESAS ADMINISTRATIVAS | -23.390,09 |
| 4.1.1 | DESPESAS ADMINISTRATIVAS COM PESSOAL | -23.390,09 |
| 4.1.1.1 | DESPESAS ADMINISTRATIVAS COM PESSOAL | -23.390,09 |
| 4.1.1.1.000001 | DECIMO TERCEIRO SALARIO | -1.163,34 |
| 4.1.1.1.000003 | SALARIOS E ORDENADOS | -12.010,24 |
| 4.1.1.1.000005 | FGTS | -1.105,47 |
| 4.1.1.1.000006 | INSS | -5.150,04 |
| 4.1.1.1.000015 | VALE TRANSPORTES | -908,00 |
| 4.1.1.1.000016 | VALE ALIMENTAÇÃO | -3.053,00 |
| 4.2 | DESPESAS ADMINISTRATIVAS GERAIS | -114.417,93 |
| 4.2.1 | DESPESAS ADMINISTRATIVAS | -114.417,93 |
| 4.2.1.1 | DESPESAS DA ADMINISTRAÇÃO | -83.544,97 |
| 4.2.1.1.000002 | ALUGUEIS DE EQUIPAMENTOS | -126,59 |
| 4.2.1.1.000004 | BENS DE POUCA DURAÇÃO | -430,80 |
| 4.2.1.1.000006 | MANUTENÇÃO E REPAROS | -2.439,00 |
| 4.2.1.1.000007 | CONSERVAÇÃO E LIMPEZA | -3.586,97 |
| 4.2.1.1.000009 | IMPRESSOS DIVERSOS | -1.435,00 |
| 4.2.1.1.000010 | LUZ | -1.419,26 |
| 4.2.1.1.000011 | MATERIAL DE CONSUMO | -34,93 |
| 4.2.1.1.000013 | DESPESAS DIVERSAS | -7.187,47 |
| 4.2.1.1.000014 | SEGUROS | -1.785,77 |
| 4.2.1.1.000016 | SERVIÇOS TERCEIROS - PESSOA JURIDICA | -17.211,00 |
| 4.2.1.1.000017 | CORREIOS E MALOTES | -7.019,76 |
| 4.2.1.1.000019 | LIVROS, REVISTAS E JORNAIS | -6.009,00 |
| 4.2.1.1.000020 | TAXAS E ANUIDADES | -28.658,71 |
| 4.2.1.1.000021 | TELEFONE | -3.220,41 |
| 4.2.1.1.000022 | FRETES E CARRETOS | -662,00 |

**DEMONSTRAÇÃO DE RESULTADO DO EXERCÍCIO - Analítico / Acumulado** Período: 01/2014 a 12/2014.

| Conta Contábil | Descrição | Saldo Atual |
|---|---|---|
| 4.2.1.1.000023 | MATERIAL DE EXPEDIENTE | -315,70 |
| 4.2.1.1.000026 | INTERNET | -2.002,60 |
| 4.2.1.2 | CUSTO DAS MERCADORIAS VENDIDAS | -25.703,78 |
| 4.2.1.2.000001 | COMPRAS A VISTA | -5.969,43 |
| 4.2.1.2.000002 | COMPRAS A PRAZO | -1.748,10 |
| 4.2.1.2.000005 | COMPRAS NO EXTERIOR | -1.934,57 |
| 4.2.1.2.000006 | (-) ESTOQUE FINAL | 226.524,26 |
| 4.2.1.2.000007 | ESTOQUE FINAL | -242.239,94 |
| 4.2.1.2.000009 | COMPRAS EM CONSIGNAÇÃO | -336,00 |
| 4.2.1.3 | IMPOSTOS E TAXAS | -5.169,18 |
| 4.2.1.3.000001 | IPTU/IPVA | -4.838,20 |
| 4.2.1.3.000003 | CONTRIBUIÇÃO SINDICAL | -170,98 |
| 4.2.1.3.000004 | PIS S/FOLHA | -160,00 |
| 4.3 | DESPESAS FINANCEIRAS | -3.567,00 |
| 4.3.1 | DESPESAS FINANCEIRAS | -3.567,00 |
| 4.3.1.1 | DESPESAS FINANCEIRAS | -3.567,00 |
| 4.3.1.1.000002 | COMISSÕES E DESPESAS BANCARIAS | -3.567,00 |
| | **RESULTADO OPERACIONAL** | **46.848,85** |
| | **RESULTADO LÍQUIDO DO PERÍODO** | **46.848,85** |

**LIGA BRASILEIRA DE ESPERANTO**
**EVANDRO FERREIRA DE AVELLAR**
**PRESIDENTE**
**CPF: 070.721.897-77**

**CONTAST CONTABILIDADE E ASSESSORIA TECNICA LTDA ME**
**03082341000141**
**000824/O**
**FRANCISCO SOARES DE OLIVEIRA - SOCIO ADMINISTRADOR**
**002374/O - CPF: 042.370.051-00**

## Parecer do Conselho Fiscal

**Nós, membros do Conselho Fiscal da Liga Brasileira de Esperanto, tendo examinado o Balanço Patrimonial do exercício de 2014, totalizando R$ 597.523,18 (Quinhentos e noventa e sete mil, quinhentos e vinte e três reais e dezoito centavos) bem como a Demonstração do Resultado, totalizando R$ 188.223,87 (cento e oitenta e oito mil, duzentos e vinte e três reais e oitenta e sete centavos), e tendo julgado os mesmos corretos, somos de parecer que as contas da Liga Brasileira de Esperanto referentes ao período de 1º de Janeiro a 31 de dezembro de 2014 devam ser aprovadas pela Assembleia Geral Ordinária, a ser realizada durante o 51º Congresso Brasileiro de Esperanto, em janeiro de 2016, na cidade de Manaus-AM.**

**Brasília, 28 de fevereiro de 2015**

**Josias Ferreira Barboza** **Luis Guilherme Souto Jardim** **Paulo Pereira Nascentes**

**BALANÇO PATRIMONIAL** — Analítico — Competência: 12/2014

| Conta Contábil | Descrição | Saldo Atual |
|---|---|---|
| 1 | ATIVO | 597.523,18 |
| 1.1 | CIRCULANTE | 373.770,47 |
| 1.1.1 | DISPONIVEL | 147.246,21 |
| 1.1.1.1 | CAIXA | 1.014,27 |
| 1.1.1.1.000001 | CAIXA | 1.014,27 |
| 1.1.1.2 | BONCOS | 73.916,28 |
| 1.1.1.2.000001 | BANCO DO BRASIL S/A - C/C 402.706-X | 73.916,28 |
| 1.1.1.3 | BANCOS C/APLICAÇÕES | 72.315,66 |
| 1.1.1.3.000001 | BB CDB DI | 7.162,68 |
| 1.1.1.3.000002 | BB DI LP 50 MIL | 1.291,53 |
| 1.1.1.3.000003 | BB RENDA FIXA 500 | 35.428,22 |
| 1.1.1.3.000004 | C. POUPANÇA - B. BRASIL S/A VAR. 01 | 349,88 |
| 1.1.1.3.000005 | C. POUPANÇA B. BRASIL S/A VAR. 51 | 28.083,35 |
| 1.1.4 | ESTOQUES | 226.524,26 |
| 1.1.4.1 | ESTOQUE DE MERCADORIAS | 226.524,26 |
| 1.1.4.1.000001 | ESTOQUE DE MERCADORIAS PARA REVENDA | 226.524,26 |
| 1.2 | NÃO CIRCULANTE | 223.752,71 |
| 1.2.5 | OUTROS CREDITOS | 14.203,47 |
| 1.2.5.2 | PAGAMENTOS EFETUADOS POR CONTA DE TERCEIROS | 14.203,47 |
| 1.2.5.2.000001 | PAGSEGUROS | 14.203,47 |
| 1.2.6 | IMOBILIZADO | 209.549,24 |
| 1.2.6.1 | BENS EM OPERAÇÃO | 209.549,24 |
| 1.2.6.1.000001 | SALAS | 171.883,56 |
| 1.2.6.1.000003 | INSTALAÇÕES | 3.356,43 |
| 1.2.6.1.000004 | MOVEIS E UTENSILIOS | 44.662,05 |
| 1.2.6.1.000005 | MAQUINAS,MOTORES E APARELHOS | 7.226,00 |
| 1.2.6.1.000006 | APARELHOS DE VIDEO E SOM | 75.837,74 |
| 1.2.6.1.000007 | BIBLIOTECA/DISCOTECA/FILMOTECA | 15.879,78 |
| 1.2.6.1.000008 | COMPUTADORES E PERIFERICOS | 27.279,45 |
| 1.2.6.1.000011 | DEPRECIAÇÃO | -136.575,77 |
| | **TOTAL GERAL - ATIVO.........** | **597.523,18** |
| 2 | PASSIVO | -597.523,18 |
| 2.1 | CIRCULANTE | -179.123,53 |
| 2.1.1 | OBRIGAÇÕES COMERCIAIS | -104.515,49 |
| 2.1.1.1 | CREDORES DIVERSOS | -104.515,49 |
| 2.1.1.1.000001 | DEPOSITANTE ON-LINE | -102.979,49 |
| 2.1.1.1.000006 | ASSOCIAÇÃO GOIANA DE ESPERANTO | -1.200,00 |
| 2.1.1.1.000007 | PONTES EDITORES LTDA | -336,00 |
| 2.1.4 | OUTROS DEBITOS | -74.608,04 |
| 2.1.4.1 | RECEBIMENTOS EM FAVOR DE TERCEIROS | -74.608,04 |
| 2.1.4.1.000001 | CONGRESSO BRASILEIRO | -31.467,19 |
| 2.1.4.1.000002 | FUNDO APOIO AO JOVEM EM POZNAN | -1.129,51 |
| 2.1.4.1.000003 | FUNDAÇÃO BRAZILA ESPERANTISTO | -6.564,30 |
| 2.1.4.1.000004 | BRAZILA ESPERANTO JUNULARA | -10.662,63 |
| 2.1.4.1.000005 | FUNDO P/EDIÇÃO DE LIVRO | -3.510,00 |
| 2.1.4.1.000006 | FUNDO ESPECIFICO | -1.569,70 |
| 2.1.4.1.000007 | REVISTA OOMOTO | -1.328,00 |
| 2.1.4.1.000008 | FUNDO JUVENTUDE | -10.732,69 |
| 2.1.4.1.000009 | ASSOCIAÇÃO MUNDIAL DE ESPERANTO - UEA | -5.335,62 |
| 2.1.4.1.000010 | REVISTA SIMPOZIO | -1.370,40 |
| 2.1.4.1.000011 | FUNDO PRO-INFÂNCIA | -938,00 |
| 2.3 | PATRIMONIO LIQUIDO | -418.399,65 |
| 2.3.1 | PATRIMONIO LIQUIDO | -418.399,65 |
| 2.3.1.1.000001 | FUNDO SOCIAL | -68.461,20 |

**BALANÇO PATRIMONIAL** Analítico Competência: 12/2014

| Conta Contábil | Descrição | Saldo Atual |
|---|---|---|
| 2.3.1.1.000003 | SUPERAVIT DO EXERCICIO ANTERIORES | -271.699,30 |
| 2.3.1.1.000004 | SUPERAVIT DO EXERCICIO | -59.673,65 |
| 2.3.1.1.000005 | DEFICIT DO EXERCICIOS ANTERIORES | 25.139,66 |
| 2.3.1.1.000008 | FUNDO BRAZILA | -6.619,15 |
| 2.3.1.1.000009 | FUNDO ALMADA | -7.695,28 |
| 2.3.1.1.000010 | RESERVA P/REALIZAÇÃO DE CONGRESSOS | -29.390,73 |
| | TOTAL GERAL - PASSIVO........ | -597.523,18 |

BRASILIA, DF., 12/02/2015

LIGA BRASILEIRA DE ESPERANTO
EVANDRO FERREIRA DE AVELLAR
PRESIDENTE
CPF: 070.721.897-77

CONTAST/CONTABILIDADE E ASSESSORIA TECNICA LTDA ME
03082341000141
000824/O
FRANCISCO SOARES DE OLIVEIRA - SOCIO ADMINISTRADOR
002374/O - CPF: 042.370.051-00

***N.R.: Tiu ĉi financa raporto estas publikigita en la Portugala, konforme al la Brazilaj leĝoj.***

## Malĝusta uzado de la verbo *sukcesi*

Brazilanoj ofte uzas la verbon *sukcesi* spegulante la Portugalan *conseguir*: *O congresso conseguiu quatrocentas adesões → La kongreso sukcesis kvarcent aliĝojn*; aŭ: *Conseguimos neste ano obter 86% do dinheiro necessário → Ni sukcesis ĉi-jare akiri 86% de la mono bezonata*. La dua Esperanta frazo estas tute bona, tamen ne la unua. Kial?

Anstataŭ blinde paŭsi nacilingvajn strukturojn, oni unue serĉu, kio estas la komunuza signifo de la Esperanta verbo *sukcesi*, konsultante fidindajn vortarojn, kiel ekzemple NPIV-on (*Novan Plenan Ilustritan Vortaron*), kiu registras ĉi tiun verbon kiel netransitivan aŭ netransiran. Jen la difinoj (Z = Zamenhof; B = Kabe; X = Malnova Testamento):

1 (io) Havi kontentigan rezulton: *per pacienco kaj fervoro sukcesas ĉiu laboro*[Z]*; ŝi komprenis, ke ŝia laboro ne sukcesos*[Z]*; negoco, kiu sukcesis; la filmo, la komedio brile sukcesis.*

2 (iu) Atingi la deziratan, celitan rezulton: *sukcesi en ĉiuj siaj projektoj; li sukcesis ĉe la ekzameno;* (+ inf.) *sukcesi trapasi ekzamenon; ĉiu hebreo povas fari knabinon sia edzino, se nur li sukcesis meti ringon sur ŝian fingron*[Z]*; se ŝi ne sukcesos elfosi la tombon […]*[Z].

3 (iu) Iĝi riĉa, fama, altranga ks: *sukcesi en la vivo*[B]*; se malriĉulo sukcesas, li ĉiujn forgesas*[Z]*; kiun la sorto karesos, tiu sukcesos*[Z]*; kien ajn li sin turnos, li sukcesos*[X].

Rimarku, ke, laŭ la sencoj 1 kaj 3, la verbo klare funkcias netransitive. Tamen, ĉu ankaŭ laŭ la senco 2? Jes, ĉar temas pri persona sukceso, plenumita per atingo de celo. Tial oni uzu, por esprimi ĉiu tiun sencon, la formojn *sukcesi en*, *sukcesi pri*, *sukcesi rilate al* aŭ *sukcesi -i*.

Kontraste, kiam oni deziras emfazi rezulton, tiam, por traduki la Portugalan *conseguir*, oni uzu la verbojn *atingi*, *akiri* aŭ *havigi*, konforme al la jenaj Zamenhofaj ekzemploj*: atingi ies konsenton*; *pro sia inteligenteco kaj ruzo li atingis la prezidantecon*; *mi penos atingi, ke la esperantistoj akceptu miajn naŭ plibonigojn; tie vi petos, vi tiros, vi nenion akiros; vi devas akiri por tio la permeson de la Akademio; per flatoj ŝi akiris mian koron; kiu malmulte deziras, feliĉon akiras; al vi mi havigos la eblon tion fari; kaj ĉu mi povas havigi al vi trankvilecon en la tombo?* (Rimarku, ke ĉiuj tri verboj estas transitivaj aŭ transiraj.)

Ne sklavigu vin al nacilingvaj esprimoj, nek limigu vin al Esperanta-Portugala aŭ Portugala-Esperanta vortaro — kiom ajn ĉi tiuj utilas — sed plivastigu vian konon per NPIV-o aŭ *ReVo* (*Reta Vortaro*), kiuj helpos vin ĝisfunde kompreni kaj distingi la diversajn sencojn de ĉiu vorto.

Francisco S. Wechsler

# BEL-Konferencoj reviviĝas!

Paulo Sergio Viana



Esperanto estas antaŭ ĉio kulturfenomeno. Se ne estus tiel, ĝi ne fariĝus tiu vivanta lingvo, kiun nuntempe ni povas libere uzi kaj ĝui, ĉar lingvo ne povus vivi ekster kulturatmosfero. Kaj Esperanto fariĝos des pli grava kulturfenomeno en la mondo, ju pli riĉa estos la kulturo, kiun ĝi peros.

Sed tiu kulturfenomeno ne kreiĝas per magia tuŝo. Ĝin devas krei la komunumo, kiu uzas la lingvon. Tio estas ĝia tasko kaj respondeco. Se la Esperantistoj efektive intencas, ke nia lingvo havigu al si la respekton de la mondo, tiam ni devas montri al ĝi, ke indas respekti kaj aprezi nian kulturon. Por tio, krom turismaj aranĝoj kaj kongresoj, krom ekskursoj kaj klubkunvenoj, krom abunda interŝanĝado de retmesaĝoj kaj amuzaj filmetoj, ni devas plu sekvi la tradicion komencitan de Zamenhof: produkti sciencan, beletran, teknikan literaturon en nia lingvo. Ni devas montri, ke nia lingvo trairas ĉiujn angulojn de la homaj interesoj. Ke ni povas iomete kontribui al klerigo kaj pacigo de la homaro.

Ĉi tiuj estis la inspiraj pensoj, kiuj kondukis Brazilan Esperanto-Ligon iniciati, antaŭ kelkaj jaroj, la eventon *BEL-Konferencoj*. Ili ne naskiĝis por esti unu plia kongreso de Esperanto. Ili celas starigi kunvenon por homoj, kiuj interesiĝas pri uzado de Esperanto en alta nivelo. Dekomence, oni invitis prelegantojn por universitatnivelaj prezentoj, kun libera diskutado kune kun la publiko. Temas do pri uzado de la lingvo en supera grado, koncerne gravajn temojn en nia moderna socio, en plene demokratia etoso. La partopreno estu do senpaga, malferma kaj larĝamensa. La sola postulo estas ekskluziva uzado de Esperanto.

Ni estas tre feliĉaj, ke la nuna estraro de Brazila Esperanto-Ligo decidis rekomenci niajn konferencojn — post kelkjara paŭzo. Espereble la Brazila Esperantistaro rekonos tion kaj aliĝos al tiu grava iniciato.

Nian koran dankon al la grupo da prelegantoj, kiuj bonvoleme sin prezentis kun siaj ideoj. Apartan dankegon al Prof-ino Nazaré Laroca, kiu surloke organizas ĉion, por ke ni laboru en taŭga, komforta ejo. Al tiaj homoj — kaj al aktive partoprenema publiko — ni ŝuldos la sukceson de niaj *BEL-Konferencoj*.

Specialan dankon ni esprimas al la estraro de *Museu do Banco de Crédito Real*, en la urbo Juizdeforo (Juiz de Fora), ŝtato Mino, kiu afable akceptos nin por ĉi tiu evento. La kunsidoj okazos ĉe Avenuo Getúlio Vargas 455, la 3-an (ekde la 13-a horo) kaj 4-an (ekde la 9-a horo) de Aprilo 2015.

Ni esperas multenombran partoprenon de la Brazila esperantistaro!

*Programo de la Konferencoj*

La nominal-verba karaktero de la aspekto en Esperanto.
Virinaj rajtoj, virina forto.
Fotoalbumo de aventurema Brazila studento.
Ĉu la Fundamento de Esperanto ankoraŭ estas necesa?
Simfoniorkestro: kio ĝi estas?
Skizo pri la uzo de planlingvoj en aŭtomata tradukado.
La "Perfekta Lingvo" laŭ Traktaĵo Logika-Filozofia de L. Wittgenstein.
Pri kelkaj novaj tendencoj en la hodiaŭa Esperanto.
Magnetismo kaj la homa interrilato.
Kiel kondutas hundoj.



# Rezolucio de la 50-a BKE kaj 35-a BEJK

Ni, la partoprenintoj de la 50-a Brazila Kongreso de Esperanto (BKE) kaj de la 35-a Brazila Esperantista Junulara Kongreso (BEJK), kiuj okazis de la 23-a ĝis la 27-a de Januaro 2014 en la urbo Rio-de-Ĵanejro, analizante la kongresan temon *Orjubilea kongreso: ĉu ni sukcesis?*,

Rekonas, ke sukceso estas plurflanka koncepto, kiu tuŝas diversajn aspektojn internajn kaj eksterajn de la Esperanto-movado, inter ili regulan okazigon de kongresoj, konstantan havadon de membroj, aktivuloj kaj subtenantoj, daŭran renoviĝon kune kun respekto al la tradicio, informkapablon, akademiigon de Esperanto kaj subtenadon al la Esperanto-kulturo kaj historio;

Konsideras, ke ĉiu ajn konkludo pri sukceso rilate al la okazigo de 50 kongresoj dum 107 jaroj, kalkulataj ekde la unua nacia kongreso, nepre tuŝas historian analizon kaj ke pro tio la movado devas ĉiam valorigi konojn pri sia historio inter esperantistoj; ke malgraŭ ekstermovadaj malfacilaĵoj, kiel sociaj, ekonomiaj kaj politikaj problemoj de la lando, manko de okazigo de kongresoj en multaj el tiuj jaroj fontis el internaj malhelpoj: ĉu manko de homfortoj, ĉu interesperantistaj miskomprenoj; kaj ke tial pacigi, kunigi kaj unuigi la movadon kaj gravigi ne individuojn, sed instituciojn, estas konsiderinda progreso, kaj ke sekve ni povas enkalkuli, krom la 50 kongresoj, la 18 naciajn seminariojn pasintece regule okazigitajn de Kultura Kooperativo de Esperantistoj kaj same la internaciajn kongresojn de Universala Esperanto-Asocio kaj de Tutmonda Esperantista Junulara Organizo, jam po dufoje okazintajn en nia lando, kiel komunajn movadajn sukcesojn;

Reliefigas, ke por venontaj kongresoj ĉeftemoj devas regi en la programo, ĉar tio helpas tenadi planojn, difinadi institucian strategion kaj do agadi laŭ ili; same kongresaj rezolucioj devas esti ĉiam atentataj, agordiĝi inter si kaj enteni punktojn, kiuj helpas al tiu evoluo;

Taksas, ke kalkuli nombron de membroj estas strategia punkto, pro la asocia karaktero de niaj organizoj, tamen ni devas trovi solvon por kalkuli la kvanton da esperantistoj kaj Esperanto-amikoj, ne nur laŭ la nombro de jarkotizaj pagantoj, sed ankaŭ laŭ nombro de nepagantaj subtenantoj, ĉefe per nuntempaj elektronikaj kaj ciferecaj rimedoj, inkluzive kun la celo plifortigi politike la movadon;

Pensas, ke sukceso okazos, kiam Esperanto estos rigardata kiel ordinara afero de ĉiu ajn homo, kaj ke por tio ni devas daŭre aktivadi pri reklamstrategioj kaj informado; studadi kiel efike mezuri rezulton de reklamoj; kaj ĉiam klopodi inviti por niaj eventoj aŭtoritatulojn kaj ĵurnalistojn kaj uzi ties gazetarajn mediojn;

Pensigas, ke por tiuj ĉi celitaj kaj celataj agadoj ni neeviteble bezonas homfortojn kaj ĉiam analizu ĉu nia farvolo kongruas kun nia laborvolo; ke niaj organizoj devas tiucele daŭre krei, trejni kaj maturigi aktivulojn kaj konsciigi la tutan Brazilan esperantistaron,

Strebas al tio, ke Esperanto partoprenu la universitatojn kaj akademiojn ĝenerale, por ke okazu pli da kursoj kaj porinstruista trejnado pri la lingvo Esperanto kune kun speciftemaj kursoj larĝasence ligitaj al la Esperanto-kulturo, en Esperanto kaj en nacia lingvo, kiam oni povos nerekte prezenti Esperanton kaj lernigi esperantistojn kaj neesperantistojn; kaj ke same estu paralele valorigata tiu Esperanto-kulturo, per la apogo kaj instigo de homoj, kiuj laŭ siaj agoj jam fortigadas ĝin, kiel akademianoj, instruistoj, verkistoj, bibliotekistoj, muzikistoj, kinistoj, aktoroj, ĵurnalistoj kaj aliaj, uzante la plej diversajn rimedojn (presaĵojn, aŭdvidaĵojn k.a.);

Konsentas, ke ni devas ĉiam renoviĝi, ĉefe laŭ interreta kaj teknologia evoluo, tamen daŭre rekoni, respekti kaj inkluzivi tradiciajn aspektojn de la movado, celante apreci ĉiujn generaciojn kaj memriĉiĝi pere de ĝenerala intergeneracia kunvivado;

Kaj fine agnoskas, ke *sukcesis* ne estas sufiĉa vorto por niaj organizoj — Brazila Esperanto-Ligo kaj Brazila Esperantista Junulara Organizo —, ke tamen ni ja sukcesis ĝis ĉi tie pere de la laboro, plejparte volontula, de niaj antaŭuloj, sed ke ni devas konstante klopodi al vortoj kiel *sukcesas* kaj *sukcesos* en nia senlaca laboro por neŭtrala lingvo, Esperanto, ligita al egaleca internaciskala komunikado, packulturo, socia inkluzivo, humaneca edukado kaj protektado de la homa diverseco.

# Fotoj pri la 50-a BKE




Josias Barbosa


Benedicto Silva. Dirce Salles kaj Paulo Viana


Jair Salles


Parto de la spekt-antoj


Tulio Flores


De dekstre: Evandro Avellar, Fernando Maia, Fernando Pita kaj Eurípedes Barbosa





Adonis Saliba

← Anton Oberndorfer



Pedro Cavalheiro



Paulo Amorim Cardoso



Tatjana Loskutova



Mina Dan




Márcio Nascimento kaj Afonso Camboim



Moisés Ribeiro

# Ç-A ÇA kontraŭ T-O TO

Hilmar Ilton Santana Ferreira



**Unua vizito: la 10-an de Januaro, 2010 — kvartalo Sankaetano, Salvadoro, Bahio**

El la multnombra esperantistaro de Salvadoro, nur duondekduo reagis al invito de Elísia kaj Saraiva, gvidantoj de Bahia Esperanto-Asocio (BEA), por ekspliki la kialon de la stratnomo al loĝantoj de la Strato Esperanto, ĉe la fino de la omnibusa linio de la kvartalo Sankaetano (*São Caetano*), Salvadoro. La laboro konsistos en interbabilado kun loĝantoj de la strato kaj disdonigo de koloraj broŝuroj.

Informite, ke la minibuso *Bela Vista de São Caetano* estas la publika veturilo por atingi la finon de la linio de Sankaetano, tiam mi veturis laŭ bela kaj bunta vojaĝo tra regionoj neniam antaŭe vizititaj de mi. La buso eniras stratojn, maleniras stratojn, eniras kavartalojn, maleniras kvartalojn, kiel vasta estas ĉi tiu urbo. Sanrafaelo (*São Rafael*), Paŭdelimo (*Pau de Lima*) — kia intensa komerco, inda je mezgranda urbo —, neuzata grundo montranta surprizan biodiversecon, Kampinodebroto (*Campinas de Brotas*), ktp. ktp., kaj, finfine, jen la fino de la linio de Sankaetano.

Sankaetano aspektas prospera. Granda homamaso kaj vigla komerco, intensa movado, aŭtomobiloj, veturiloj. Multe da stratoj; multege da evangeliaj preĝejoj, havantaj plej malsamajn nomojn.

Tre bone prizorgata estas la Strato Esperanto. Kelkaj elstaraj bronzaj ŝildoj ĉe anguloj, kune la nomo *Strato* en unu linio kaj *Esperanto* en la alia.



Vera lukso. Komercejoj, drinkejoj, panejoj, loĝdomoj, ĉiuj el bona strukturo, moderna kaj bela fasado, alta etaĝalteco; bone flegataj, bone pentritaj. Jen adaptita domo de la Universala Eklezio, montranta ĝian mantron *Jesuo Kristo estas la Sinjoro*. Alia ejo, laŭ la universala (ho! ne konfuzu!)




modelo de la Eklezio de Jesuo Kristo de la Sanktuloj de la Lastaj Tagoj, de la mormonoj. La strato montriĝas longa por piediranto, faras vojturniĝon, desegnante la literon *L*. Cetere ankoraŭ ekzistas du pliaj apudaj irejoj nomataj Esperanto: Suba Strato Esperanto (*Rua Esperanto de Baixo*) kaj Strateto Esperanto (*Travessa Esperanto*). Jen verdire granda surprizo, por iu, kiu antaŭvidis strateton senluksan, sen ŝildoj kaj konata per alia populara kaj ne oficiala nomo. En la urbo Iljeŭso (*Ilhéus*), ankaŭ en la ŝtato Bahio, malgraŭ la intensa kaj grava antaŭa klopodo de nia klera kaj plursemanta samideano Eléus Leonardo de Sá (jam forpasinta), oni

daŭre nomas Strato de la Akvotubo (*Rua do Cano*) la oficialigitan Straton Esperanto (*Rua Esperanto*) en la kvartalo Maljado (*Malhado*).

Ĉiuj ĉi tie scias, ke la strato nomiĝas Esperanto. Malmultaj, preskaŭ neniu, scias, kion tio signifas. Elísia, prezidantino de BEA supozas, ke inĝeniero Jado per sia klopodoj estas la esperantisto, kiu atingis ĉe la lokaj aŭtoritatoj, ke la strato estu nomata Esperanto. Inĝeniero Jado estas legenda esperantisto de la unuaj tempoj en Bahio. Nenio ekzistas skribita pri la afero. Aŭ, alidire, se ĝi ekzistas, neniu el ĉi tiu vizitanta grupo ĝin konas.

La laboro konsistis en interbabilado vidalvida kun homoj sur la strato; hejme, eksterhejme, en la komercejoj, en la drinkejoj, sub arboj, eĉ en preĝejo, dum la ferio de varma dimanĉo en la Salvadora somero. Kaj samtempa disdonado de klarigaj broŝuroj, koloraj, buntaj, el tiuj, kiuj estas trovataj en la libroservoj.

La tasko estis plezuriga. Krome je kelkaj doloraj kruroj nokte, la laboranta kolegaro — kies meza aĝo ne estis esplorita, sed certe nur povus partopreni en piedpilka ĉampiondisputo "sub-100" — fariĝis tute kontenta, sata.

Broŝuroj estis enkondukitaj en la poŝtkestojn de la domoj. Iu bela, blonda junulino ricevis broŝurekzempleron, dankis, ĉifis ĝin ene sia mano, iris siavoje kaj iom poste forĵetis la materialon. Familiaj domoj malfermiĝis kaj akceptis la vizitantojn. La plimulto ne sciis la signifon de la nomo de la strato. Nur malmultaj jam aŭdis pri ĝi.

Tre bona la akceptado en la preĝejo de la mormonoj, ankoraŭ plenplena je homoj. Tra la koridoroj, ni transdonas unu broŝuron ĉi tie, alian tie. Unu el la homoj invitis nin viziti la episkopon. La episkopo estas tre okupita, pro tre granda vico de vizitantoj. Broŝuroj. Sen vico, laŭ sekretario de la episkopo.

Sendube la plej rimarkinda inter la vizititoj estas la S-ro Francisco, 75-jara, emerito, homo tre vigla, kun emfaza kaj facila komunikkapablo, naskita en la urbo Fejrodesantano (*Feira de Santana*) kaj jam dum pluraj jaroj loĝanta ĉe la strato:

— Ha! Tre bone. Ĝi plaĉas al mi. Do, jen la afero, ĉu ne vere? Tiu vorto vere kreas al mi multe da problemoj kaj kaŭzas sennombrajn kapdolorojn. Oni iras al meblovendejo, aĉetas meblojn, pagas. Kaj la mebloj ne alvenas. Oni iras tien, kaj ili diras: — La kamiono revenis. Ne ekzistas en la kvartalo ĉi tiu strato *Esperança*. — Ne. Ekzistas ne *Esperança*, sed ja *Esperanto*. Ne ç-a, ça, sed t-o, to!! Oni iras al banko, malfermas konton. La dokumentoj ne alvenas. Oni iras plendi, kaj ili diras: — La dokumentoj revenis. Oni ne konas la straton *Esperança*. — Ho, ĝi estas ne *Esperança*, sed *Esperanto*. Ne ç-a, ça, sed t-o, to!!

## Dua vizito: la 7-an de Februaro, 2010 — kvartalo Graco, Salvadoro, Bahio.




Dimanĉe, la 7-an de Februaro, la sama grupo (minus unu homo) vizitis la Straton Esperanto, ĉe la kvartalo Graco (*Graça*), por diskonigo. Ĉi tiu strato komenciĝas ĉe la Strato de la Paco (*Rua da Paz*) kaj atingas la Straton Conde Filho. Same kiel la tuta kvartalo, la Strato Esperanto estas modern urbanizita. Ĉi tie Salvador estas unua mondo. En Graco ne ekzistas la komerca febro de la kvartalo Sankaetano, antaŭe vizitita. Ne ekzistas preĝejoj. Troviĝas nur malmultaj vendejoj, kiu servas al la loĝantaro, panbutikoj, malgrandaj superbazaroj, apotekoj, sed nur en la najbaraj stratoj, ne en la Strato Esperanto. En tiu ĉi ekzistas nur loĝejoj, konstruaĵoj por apartamentoj kaj kelkaj malmultaj domoj, eble de la malnova nobelaro, ĉu el la sukerindustrio, ĉu el la kakaonegoco.

Agante sola, ĉi tiu aŭtoro donacis prospekton pri Esperanto al iu Germano, bonhumora, montranta

brunan haŭton, probable dank' al plaĝoj. Li eliris el sia apartamento por manĝoprovizado, ĉar tuj okazos la tagmanĝo. Li, Germano aspektanta Brazilano, dankis preskaŭ sen akĉento, dirante, ke li konas Esperanton. Elísia, Saraiva kaj Inácio jam antaŭe metis anoncilojn pri Esperanto en enirejoj de ĉiuj apartamentoj kaj domoj. Do, nur malmultaj propagandiloj estis donacitaj: unu al sinjorino de la sama konstruaĵo de la Germano; alia al pejzaĝisto, kiu laboris kune kun Burle Marx; cetere, oni vidis du maljunajn sinjorinojn legantaj, en la verando de sia apartamento, la anoncilojn donacitajn de niaj kolegoj. Poste, jam for de Strato Esperanto, oni interbabilis kun Fernando, juna Brazilano el la ŝtato Paraibo, kiu vendas hamakojn kaj aliajn aĵojn. Ankaŭ li ricevis propagandajn materialojn.

Por plenumi la taskon ni venis per buso. Oni eliras el la buso ĉe la fino de la Deklivo de l' Havenenirejo (*Ladeira da Barra*) kaj ĉe la sojlo de la Koridoro de l' Venko (*Corredor da Vitória*). Unu el la plej belaj pejzaĝoj de Salvadoro. En ĉi tiu regiono elstaras grandegaj arboj. Ĉe la dekstra flanko situas la Strato de l' Graco , komenco de la samnoma kvartalo, belega, kie estas tre agrable piediri. Ni piediris la Straton de l' Graco, ĝis la Strato Esperanto (*Rua Esperanto*). La malnovan Palaceton Komandoro Bernardo Martins Catharino, kie en 1973 funkciis la Edukada Sekretariejo de Bahio, ofte vizitis ĉi tiu aŭtoro, tiam direktoro de supera lernejunuo en la internlando. Nuntempe la Palaceto estas bone konservata kaj entenas la Muzeon Rodin. Ĉe la fono oni konstruis grandan apartamentaron, samnoman kiel la palaceto. Aprecante la pejzaĝon de la Strato de l" Graco, ni haltis ĉe vendejo por ĝui kokosan sukon. Tiam aperis Elísia, Saraiva kaj Inácio en aŭtomobilo. Ili diris, ke ili jam faris viziton al la Strato Esperanto, diskonigante inter domoj kaj homoj propagandilojn pri Esperanto.



## Programo identigas dolormienojn ĉe ĵusnaskitoj

Flegantoj de ĵusnaskitoj ĉe intensivaj flegejoj trovas ĝin malfacila rekoni kaj taksi dolorsignojn, ĉar pluraj faktoroj povas igi ĵusnaskiton esprimi ĝenojn ne ĉiam kaŭzatajn de doloro.

Ĉe infanoj ankoraŭ nekapablaj paroli, la identigo de doloro okazas surbaze de kondutaj kaj fiziologiaj indikiloj, kiel simplaj movreagoj, mienoj kaj ploro.

Komputilprogramo, kiu baziĝas sur la vaste uzata Enkodiga Skalo por Mienoj de Ĵusnaskitoj, estis kreita de esploristoj ĉe la Medicina Fakultato de Sanpaŭlo.

Oni filmis ĵusnaskitojn dum doloraj procedoj, kiel punkcio de kapilaro, veno aŭ arterio kaj enmuskola aŭ subhaŭta injekto, kiujn oni uzis ne esplorcele, sed por flegado de la pacientoj.

La programo mapis 66 punktojn sur la vizaĝoj de la infanetoj, kiujn ĝi reduktis al 16 nodpunktoj, kaj el tiuj ĉi oni elektis la punktojn, kiuj plej moviĝis dum la pacientoj mienis akutan doloron kaŭzatan de kuracprocedo. La distancoj inter la punktoj servis kiel bazo por eltrovi la dolormontrantajn signojn: elstaran frunton, mallarĝan palpebrofendon, profundiĝintan nazlipan sulkon, malfermitan buŝon kaj streĉitan buŝon.




Poste la esploristoj testis la akordiĝon inter la analizoj faritaj de la programoj kaj tiuj faritaj de ses profesiuloj spertaj pri rekonado de doloro ĉe ĵusnaskitoj. Oni komparis tri fotojn de ĉiu infano: du registritajn dum sendolora ripozperiodo, kaj unu registritan dum doloraj procedoj.

La programo ne trovis doloresprimojn ĉe 85% de la bildoj registritaj dum repozperiodoj. Tamen, la programo trovis dolormienojn ĉe 100% de la bildoj registritaj dum doloraj procedoj, kaj kelkaj profesiuloj identigis ilin ĉe nur 77% de la fotoj.

Tia precizeco ebligas uzi la programon por helpi skipojn identigi dolorsignojn ĉe intensivaj flegejoj por ĵusnaskitoj. (Fonto: FAPESP)

# Malvivaj animoj

Paulo Sergio Viana

Meze de la 19-a jarcento, Nikolaj Gogol publikigis Malvivaj Animoj, kiu fariĝis klasikaĵo en la fekunda Rusa literaturo. Mi ĝue legas tiun fluan tekston, kiu miksas plezurigajn priskribojn de internlandaj vilaĝoj, popolaj loĝejoj kaj frostaj pejzaĝoj, al ironia rakontado pri la popolaj kutimoj kaj pri la feŭda reĝimo, kiu tenadis kamparanojn en sklaveca reĝimo. La centra figuro, Ĉiĉikov, serĉe de riĉiĝo, trairas la landon por aĉeti "malvivajn animojn" — registraĵojn de mortintaj servistoj, por kiuj la posedantoj plu pagadis impostojn, eĉ post la morto.




Ĉiĉikov (dekstre) kaj Pljuŝkin (1900)
Ilustraĵo de M. Dalkeviĉ (1861–1941)

Dum sia pilgrimado, la nehonesta aĉetanto alfrontas plej kuriozajn reprezentantojn de ia speco de posedantoj de "animoj", je parado de komikaj dialogoj kun roluloj flatemaj, mensogemaj, naivaj, krudaj, senskrupulaj. La kontrapunkto estas evidenta: malhonestreĝima registaro kaj popolo kun lamanta honesteco. De tempo al tempo, priskriboj pri bela, malavara lando, kiu povus esti vivejo por sana, justa socio.

La leganto gustumas la paĝojn de la libro, meditante pri la sensenceco, kiu certe estis la posedo de tiaj "animoj", la aĉetado de la mortintaj kaj la nekredebla pasiveco de popolo fronte al tiaj absurdaĵoj. Li paŭzas je sia trankvila legado kaj malfermas ĵurnalon.

Kaj li ekkonscias, ke preskaŭ du jarcentojn post la publikaĵo de Gogol, li vivas en tropika lando kun malavara naturo, kies registaro deprenas de li preskaŭ kvin monatojn da laboro en formo de impostoj, ĉiujare. Kaj ke, se li volas akcepteblajn sanzorgojn, li devas pagi privatan sanplanon. Kaj ke, se li eliras el sia hejmo, li neniam estas certa, ke li revenos senvunde, pro la perforto reganta surstrate. Kaj ke li devas pagi por deca studado de la gefiloj. Kaj ke lin reprezentas en la parlamento politikistoj implikitaj en ombraj juĝprocesoj, eventuale iu el ili estas serĉata de Interpol. Kaj ke iuj el tiuj politikistoj, en ŝtato supozeble laika, patose miksas siajn religiajn konvinkojn kun parlamenta agado. Kaj fine, ke sur malbone konservataj ŝoseoj, ĉiam trafikŝtopitaj, li ofte observas, ke ruzetaj aŭtostirantoj iras sur la ŝoseflanko, kie tio estas nepermesata.

Mortintaj animoj… mortintaj animoj…

*Malhonestulo kovras la buŝon de sia konscienco.*
(Adaptita el la *Proverbaro Esperanta*, de L. L. Zamenhof.)

# Raporto pri la Poznana Kurso

Karina Oliveira







Poznano dumvintre

Ekde Septembro 2014 mi partoprenas la trijaran studadon pri Interlingvistiko en la Universitato de Poznano, en Pollando. Tamen, ekde Septembro 2013 mi iras tien, ĉar antaŭ ol partopreni tiun ĉi kurson mi partoprenis instruistan trejnadon, kiu okazas kadre de la trijara kurso, sed daŭras nur unu jaron. Do, en Septembro 2013, Februaro kaj Septembro 2014 mi iris al Pollando por la instruista trejnado (kiun mi sekvis ĝis la fino kaj nun eĉ havas diplomon en mia hejmo) kaj en Septembro pasintjare samtempe kun la fino de unu kurso mi komencis tiun alian, kiun mi sekvas nun.

Tio okazas danke al la apogo de BEJO (Brazila Esperantista Junulara Organizo), kiu subtenas min pagante la flugbiletojn (pere de fonduso por helpi junulojn dum tiu kurso). Alia subteno estas la stipendio de ESF (Esperantic Studies Fondation, el Usono), ĉar la kurso estas kontraŭpaga, kaj mi ne povus pagi ĝin. Mi havis stipendion por la instruista trejnado kaj mi havas ankaŭ por la trijara studado, sed tiu stipendio (kiun ne nur mi ricevas, sed ja pluraj el la grupo) dependas ankaŭ de donacoj de esperantistoj (pliaj informoj videblas ĉe `http://esperantic.org/eo/poznano`). Sed samgrava estas la helpo kiun Katalin Kováts ebligas al ni (al pluraj el la studentoj) pere de kampanjo kiun ŝi starigis (`http://edukado.net/helpu/poznan`).

Dum la unua sesio en Septembro 2014 ni sekvis lekciojn pri Fonetiko, kun Nikolau Dolls, el la Baleaj Insuloj kaj Ilona Koutny, kiu estas la ĉeforganizanto de la studoj kaj profesorino en la Hungara fako en la Universitato kie la studoj okazas; pri Interlingvistiko, kun prof. Věra Barandovská-Frank, el Germanio; pri Kulturo, kun Zbigniew Galor, el Pollando kaj pri Literaturo (pri la unua periodo de esperanta literaturo), kun Lidia Ligęza (pri poezio) kaj Tomasz Chmielik (pri prozo), ambaŭ el Pollando. Ĉi-foje, dum la dua sesio, ni sekvis lecionojn denove pri literaturo (sed nun pri la dua periodo de la esperanta literaturo) kun la samaj geinstruistoj; pri Komunikado, kun Ilona Koutny; pri Morfologio kaj Sintakso, kun Michael Farris, el Usono/Pollando kaj pri Gramatiko, denove kun Ilona Koutny kaj ankaŭ kun Kirilo Brosch, el Germanio.

Malgraŭ ke multaj personoj scias pri tiu studado, eble ne multaj povas imagi kia estas nia ĉiutaga sperto tie. Pro tio, mi provis iel detaligi ĝin por ke aliaj personoj povu ekscii kia ĝi estas, kaj eble partopreni la venontajn grupojn aŭ eĉ iel helpi la nunajn gestudantojn.

Sabaton (la 31-an de Januaro), ĉiuj alvenis al la universitato je la 14h30 por ricevi praktikajn informojn pri la sesio (ekzemple pri la ekskurso kiu okazos en Toruń, alia urbo en Pollando, en la sekva sabato), kaj poste ni havis konsultiĝon pri la ekzameno pri kulturo kaj fonetiko, kiuj okazos dimanĉon.

Zbigniew parolis pri la diferencoj kiuj estiĝas inter artisto, instruisto kaj esploristo, kaj reparolis pri kelkaj temoj pri kulturo kiuj estis traktitaj en Septembro, dum la unua sesio. Li ankaŭ klarigis praktike kiel estos la ekzameno en la venonta tago.

Ilona respondis la demandojn kiuj restis post la hejma studado pri la materialo pri fonetiko, kaj ankaŭ donis praktikajn instruojn pri la ekzameno okazonta.

Ĉiuj lernantoj estis dividitaj en grupetoj el tri aŭ kvar personoj, kaj la ekzakta horo de la ekzamenoj estis diskonigita al ĉiuj grupetoj. Do, jam sabate ni


Studentoj

sciis en kiu horaro ni submetiĝos al la ekzamenoj pri kulturo kaj pri fonetiko dimanĉe (estis unu ekzameno matene kaj unu posttagmeze por ĉiuj).

La sperto dum la ekzameno estis tre bona, laŭ mi. Antaŭe mi multe timis, sed post la komenco de la ekzameno mi estis iomete pli trankvila. Matene mi trapasis la ekzamenon pri kulturo, kaj la aliaj personoj en mia grupo estis Ida (el Pollando mem) kaj Ronie (el Brazilo). Oni rajtis interveni por "savi" kolegon se li ne sciis iun respondon, kaj tio estis bonega afero. Posttagmeze mi trapasis la ekzamenon pri Fonetiko, kiu por mi estis plezura afero ĉar pri tio mi fakuliĝas en la universitato, sed verŝajne por multaj tiu ekzameno estis pli malfacila ol tiu pri kulturo, ĉar oni devas scii specifajn aferojn rilate al la sonscienco, lingva priskribo, konsonantoj, vokaloj, fonetikaj fenomenoj, ktp.

Dum ni atendis niajn vicojn por ekzameniĝi (la afero iom malfruiĝis posttagmeze) estis bonegaj interparoloj en la koridoro pri diversaj aferoj, kaj ankaŭ pri la temoj de la ekzamenoj, ĉar ĉiuj kiuj sciis iomete pli pri la temo helpis tiujn kiuj ankoraŭ havis dubojn. Resume, malgraŭ la mensa laciĝo pro la ekzamenoj, la etoso estis bonega kaj profitplena.

Post la ekzamenoj mi, Suso, Felix kaj Eida ankoraŭ havis forton por iom promeni en la malnova urbo. Fakte, mi bezonis aĉeti gantojn, ĉar ni frostis tie, malgraŭ la milda vintro kiu okazas en Poznań ĉi-jare (ĉirkaŭ o ĝis -3 Celsiaj gradoj).

Lundon ni havis lecionojn pri Morfologio kaj Sintakso matene, kun Michael Farris, kaj pri Komunikado posttagmeze, kun Ilona Koutny. Marde ni havis la samajn lecionojn, sed inverse (matene pri Komunikado kaj posttagmeze pri Morfologio kaj Sintakso).

La lecionoj pri Komunikado pritraktis aferojn kiel la homa komunikado, la besta komunikado, la graveco de gestoj en nia ĉiutaga komunikado, la diferenco inter simptomo, signo kaj simbolo, ktp. La lecionoj pri Morfologio kaj Sintakso por mi estis pli interesaj ĉar ili pritraktis aferojn kiujn mi jam studis en la universitato, kaj kiujn mi ĝenerale ŝatas. Ekzemple, ni studis kio estas morfemoj, alomorfoj, vortoj, sintagmoj, propozicioj, valento de verboj, ktp, kaj mi tre ŝatis ke la instruisto uzis ekzemplojn el diversaj lingvoj: tiel ni povis vidi konkrete multajn morfologiajn kaj sintaksajn fenomenojn.

Merkredon, dum la tuta tago ni ekzameniĝis pri Literaturo (po du aŭ tri personoj). Ankaŭ tiam estis agrabla etoso kaj dum la ekzameno kaj en la koridoro antaŭ kaj post la ekzameno. Mi ekzameniĝis kune kun Suso (el Galegio), kiu estas homa enciklopedio pri esperanta literaturo, do dum mia vico la konversacio kaj la demandoj estis malpli interesaj ol dum lia vico.



Komuna vespero

Vespere ni havis la tradician komunan vesperon, dum kiu okazis la jenaj programeroj: prelego de Kirilo Brosch (el Germanio) pri seksismo en la lingvo kaj eblaj solvoj por ĝi; Eida (el Brazilo) ludis bekfluton, unue sola, kaj poste akompanante Gosia (el Pollando), kiu kantis svedan popolkanton en Esperanto; Viktor (el Kongo) montris videojn de siaj muzikoj, kun pluraj dancistoj, dum ni estis manĝantaj picojn; Gosia legis poemojn; Jo-

han (el Nederlando/Serbio) kantis esperantan version de la Eŭropa himno; Mikaelo (el Pollando) kantis poemojn de Zamenhof; Lidia (el Pollando) legis poemojn amuzajn faritajn de ŝi, kaj verŝajne ĉiuj ankaŭ taksis la poemojn amuzaj; Paulo (el Brazilo) legis poemojn faritajn de li, kaj parolis pri kelkaj problemoj, kiujn li havis por traduki siajn poemojn el la Portugala en Esperanton, kaj ankaŭ parolis pri la esperantigo de poemoj de Pablo Neruda, poeto kiu verkis en la Hispana; Suso (el Galegio) legis kelkajn poemojn faritajn de li kaj ankaŭ kelkajn poemojn skribitajn Galege dum la mezepoko; Maria (el Rusio) deklamis poemon skribitan de Rusa esperantisto; Viktor denove montris la videojn de siaj muzikoj kaj kelkaj akompanis ilin kantante (ĉiuj havis paperon kun la kantotekstoj skribitaj); Eida deklamis poemon de Brazila esperantisto Portugale kaj Esperante; fine, Suzana (el Pollando) kantis muzikojn ludante gitaron samtempe.

Ĵaŭdon matene ni havis lecionon kun Tomasz Chmielik, kaj estis multege da novaj informoj por mi. Dum la venontaj monatoj mi volas legi *Hura!*, skribitan de Baghy, ĉar ĝi ŝajnas al mi tre interesa romano.

Posttagmeze ni havis lecionon pri esperanta gramatiko kun Ilona Koutny, kiu parolis precipe pri la Fundamento de Esperanto kaj vortaroj, krom aliaj ĉefaj verkoj, kiel PAG kaj PMEG. Estis traktataj en la leciono ankoraŭ la morfemaro de Esperanto kaj la eblaj dividoj de la morfemoj laŭ pluraj kategorioj (ni vidis tiujn faritajn de la Akademio de Esperanto, de Szerdahelyi kaj ankaŭ de Rokicki). Oni diskutis ĉu Esperanto estas izola, alglua aŭ alispeca lingvo, kaj kiuj elementoj de la lingvo donas argumentojn al iu aŭ alia kategorio.

Post la leciono mi noktomanĝis kun la du Svedoj de la grupo, kaj mi multe lernis pri Svedio! Precipe ke estas pluraj (pluraj!) lagoj en la lando.

Vendredon ni havis lecionon kun Lidia Ligęza dum la mateno, pri poezio kaj verkistoj el la dua periodo. Finfine mi ekkonis la tutan poemon de Schwartz *Esperantisto, ekesto kaj malapero*, kies finajn versojn *Edzino; FINO!* mi ofte aŭdas en esperantaj medioj. Posttagmeze ni havis interesegajn lecionojn kun Kirilo Brosch, el Germanio, doktoro pri lingvistiko, kiu finis la Interlingvistikajn Studojn en Poznań en 2008. La leciono temis pri gramatiko, kaj mi finfine komprenis la ita-atan problemon! Nun mi scivolas legi kion Geraldo Mattos skribis pri la afero. Vespere pluraj el ni noktomanĝis kune, kaj estis tre amuza kaj agrabla momento.

Sabaton okazis ekskurso al Toruń, sed mi ne iris, ĉar mi devis reveni al Berlino por enviadiliĝi al Brazilo en la sekva tago. Nu, jen la interesega semajno kiun ni havis, kaj kiu donis al ni multon por studi dum la venontaj monatoj, ĝis la tria sesio de la kurso, kiu okazos en Septembro 2015.



# Intervjuo kun Amarílio Carvalho



**Saluton, Amarílio. Multaj konas vin pro via longa barbo, sed bonvolu unue diri kelkajn vortojn pri vi mem, pri via esperantistiĝo kaj partopreno en la Brazila movado:**

Ho, jes, mi havas barbon, kial ne? Mi estas 82-jara barbulo, ĉar mi estas la Paĉjo Kristnasko de mia urbo. Mi kuraĝe forlasis la metropolojn Niterojo kaj Rio por pasigi trankvilajn jarojn enlande ĉe la akvofaloj kaj Parko de Varmaj Akvoj en Baradogarco, centro-okcidenta regiono, ŝtato Matogroso.

Mia esperantistiĝo sendube estas speciala ĉapitro de mia vivo. En 1949 mi estis 16-jara lernanto en la Gimnazio Visconde de Mauá, Rio. Foliumante mian libron pri Geografio, mi trovis tekston pri Zamenhof, diranta, ke li ellaboris neŭtralan lingvon por internacia komunikado, kies bazo estas la universala kunfratiĝo. La ĝojiga informo fulme bruligis mian koron, sed nur post 5 jaroj mi sukcesis havigi al mi la adreson de Brazila Esperanto-Ligo, kien mi tuj iris por aliĝi al la Perkoresponda Kurso, sub la gvido de Caetano Coutinho. Poste mi frekventis enklasan kurson, gvidatan de Ailton Lima Rocha. Ĉe Kultura Kooperativo de Esperantistoj mi partoprenis paroligajn kunvenojn sub la respondeco de Alberto da Cruz Bonfim, José Cosenza, Yolanda de Araújo Costa k José Arruda Leme Jr. Por definitive pruvi, ke nia amata lingvo estas ja la plej facila en la tuta mondo kaj mi "la plej inteligenta lernanto", nia brava Jair Salles fariĝis mia dumviva instruisto por forigi ĉiutagajn dubojn!

Sine de KKE, dum pluraj jaroj mi asesoris Braz Cosenza en la kunordigado de altnivelaj Seminarioj. Ekde 1982, okaze de niaj kongresoj, mi disvendas belajn ĉemizojn kun tekstoj kaj bildoj pri Esperanto je prezo de banano…

**Kiam kaj kial venis al vi la ideo prezenti monologon pri Tiradentes?**

En 2002, dum pluva dimanĉo… senĉese fulmotondris… la tago fariĝis nokto… ventego blovis kaj faligis teren grandajn branĉojn de arboj… mi estis sola hejme… laŭŝajne mistera voĉo flustris en mian orelon: — *Surmetu la kitelon de Tiradentes k piediru surstrate.* — *Ne!* — mi respondis, — *ĉar preterpasantoj mokos min!* — La voĉo emfaze respondis: — *Ne gravas, tio estas ordono, piediru surstrate!*




Ĉar mi estas tre obeema "junulo", okaze de la solenaĵoj pri la Libertago Tiradentes (la 21-an de Aprilo) kaj pri la Brazila Sendependiĝo (la 7-an de Septembro), ĉiujare mi iras al Braziljo. Unufoje mi ankaŭ piediris marborde ĉe la plaĝo Iracemo, en Fortalezo, Cearao, kaj plurfoje surtrotuare ĉe la famega Kopakabana plaĝo en Rio, kie mi ricevis aplaŭdojn kaj kelkfoje… eĉ "karesemajn" kriojn: *Frenezega Olda Pajaco!*, *Bin Laden!*, *Metuŝelaĥ*, *inferen!*

**Kie kaj kiomfoje vi jam prezentis ĝin?**
La monologon *Tiradentes — fidoplena martiro* mi jam prezentis 38-foje en Braziljo, Rio, Sanpaŭlo, Fortalezo k.a., inkluzive en Argentino, Belgio, Nederlando kaj Vjetnamio. Ĉiuj spektantoj estas gravaj, sed…. mi neniam forgesos la prezentadon ĉe la Rektorejo de la Federacia Universitato Paranao, en Kuritibo. Fine de la spektaklo, kiam nia s-ano Ivan Eidt Colling prilumigis la plenplenegan aŭditorion… kiu stariĝis por varmege ĉirkaŭpreni min? Nia karmemora Akademiano Profesoro Geraldo Mattos! Ho, Dio amata…. ĉimomente sopirplene miaj okuloj malsekiĝas, malsekiĝas…

**Ĉu alilande malmulte konata epizodo de la Brazila historio vere interesas internacian publikon?**

Alilande, dekoj kaj dekoj da samideanoj atentege ĉeestis la monologon ne nur por ricevi detalan informon pri la vivo de nia elstara heroo Joaquim José da Silva Xavier, sed ankaŭ por spioni la nivelon de mia prononco kaj aktorado, kredu! En Argentino, reĝisoris José Roberto Tenório, EASP-Prezidanto. En Belgio k Nederlando, reĝisoris Juliana Evandro, el Cearao, kaj en Vjetnamio reĝisoris Maarten Luc Rosa Deprez, el Belgio, mia fidela gardanĝelo en la patrujo de nia grava samideano Ho Chi Minh.

**Kiu redaktis la tekston? Ĉu vi mem?**
En Ribejranpreto, okaze de la EASP-Kongreso en 2009, kiam venis al mia kapo la ideo adapti la vivon de nia martiro por monologo, mi petis nian samideanon Jorge Telles, ke li tion faru. Pacience mi atendis dum longa periodo, sed la monologo bedaŭrinde ne alvenis, ĉar nia samideano estas artisto kun miloj da farendaĵoj en Kuritibo. Ĉar Telles silentis, kuraĝe mi decidis foliumi kvar librojn kaj finfine sukcesis adapti la vivon de Tiradentes por sesdek-minuta monologo… vere laciga laboro, uf! Gravas mencii, ke la Esperantan version mi ŝuldas al nia genia Paulo Sérgio Viana, el Loreno, Sanpaŭlo.

**Kia estas la reago de la spektantoj?**
Nekredeble! Ĉie la reago de la spektantoj estas ege pozitiva. Ne arogante, sed tre fiere mi konfesas tion, ĉar pluraj samideanoj, ĉefe alilandanoj, laŭdas mian prononcon kaj aktoradon. Dankon, Jesuo, mesaĝisto de Paco kaj Amo!

**Ĉu vi ricevas ian subtenon por vojaĝi kaj prezenti la monologon?**

Atenton, kara s-ro redaktoro! Mi vojaĝas eksterlanden ne por turismadi, sed omaĝe al neforgesebla gravulo. Tial, dank' al la bonvolemo de centoj k centoj da samideanoj, en 2012 mi sukcesis enpoŝigi sufiĉe da mono por vojaĝi al Belgio, Nederlando kaj Vjetnamio. Kial mi sukcesis akiri milojn da realoj ? Ĉu pro persona merito? Ne! Tute ne! Mi ricevis grandan monhelpon, ĉar Tiradentes sendube meritas ĉies respekton kaj aplaŭdegon.

Por venki gigantajn distancojn, okaze de kelkaj prezentadoj estas permesate antaŭpeti monhelpon por pagi vojaĝbiletojn kaj hotelon. La publiko bone komprenas, ke mi estas "riĉega" emerito… kaj jese respondas. Ankoraŭfoje mi devas dankegi nian samideanaron. Dio benu vin!!!

**Kie kaj kiam vi intencas prezenti ĝin venontfoje?**

Fine de Aprilo, mi intencas prezenti la monologon en Ĵuizdeforo, ĉe la BEL-Konferencoj, kunordigatan de nia brava poetino Maria Nazaré Laroca. Reĝisoros mia kara amiko José Roberto Tenório. Jen vere emociiga momento. Por ripeti la sukceson de Bonaero, nia brilega artistino Neide Barros Rêgo kantos *Ave Maria* de Schubert tuj post la preĝo de Tiradentes: *Ho, Dio! Aŭskultu mian preĝon! Nur mi devas morti, ne miaj kamaradoj!*

Kaj, kompreneble, mi ankaŭ esperas prezenti la monologon pri Tiradentes en Lilo, kadre de la oficiala programo de nia 100-a UK, sed… por ke mia revo nepre fariĝu realo, mi aŭdace petegas subtenon de miaj samlandanoj, deponeblan ĉe Banco do Brasil (konto 9810-8, agentejo 0571-1). Mi profitas la momenton por informi al niaj alilandaj s-anoj, ke la Kultura Fonduso de UEA kolektas financajn kontribuaĵojn por inviti artistojn, verkistojn kaj aliajn figurojn por partopreni en Lilo. Tutkore mi antaŭdankas vian valoran apogon! Dio benu vin!!!

# Scenejoj de la vivo

## Dirce Salles

En la antikva Institucio, kie eĉ la Tempo ne emis kuri plu, la tagoj sekvis grize kaj la personoj, maŝinaj kaj malbonvolemaj, plenumis la malfacilan taskon vivi.

Sed kiam Antono, la giganta kaj bonkora flegisto, alvenis por deĵori, la etoso ŝanĝiĝis, ĉar li amis sian profesion kaj la homojn.

— Bonan matenon, Maria! Kiel fartas vi, floro mia?

— Ĉu mia Jozefo venos hodiaŭ, Antono?

— Ho, kia distriĝo la mia! Li jam venis kaj lasis donacojn por vi, karino!

— Li neniam venas viziti min… li min tute forgesis… Kaj ŝia rigardo forestis, forflugante trans la murojn por serĉi la stratojn, la domojn, la etan domon, kie iam ŝi loĝis, kantis, laboris tro, ĉiam favore al la filo, iam donacita de Dio al ŝia kor'.

— Ho, ne diru tion! Jozefo laboras tro, kaj kiam li estas libera, la horo de la vizito jam finiĝis. Sed ni vidu, kion li sendis hodiaŭ por vi.

Kaj li helpis ŝin malfermi la pakaĵon, kie oni vidis kukojn, biskvitojn, dolĉaĵojn, revuojn, kaj foje gantojn foje ŝtrumpojn aŭ sandalojn, kiujn li mem aĉetis por doni al ŝi ian komforton kiel ankaŭ la iluzion kredi ke tiuj aferoj estis aĉetitaj de la filo, de kiu ŝi estis forlasita antaŭ longe en tiu maljunulejo, kaj tute forestis, apartigita de la socio per altaj kaj dikaj muroj…

Kiom da tempo? Ŝi forgesis.

Cetere, kio estas la tempo?

Kiom valoras la vivo, se niaj amatoj plu ne volas nin?

Kaj al ŝi ektorentis senbridaj larmoj.

Antono, kompateme kaj pacience, brakumis ŝin kaj kantis kanzonon per sia agordita voĉo.

Maria pli kaj pli serenigis la singultojn kaj karesis liajn blankajn harojn.

— Pardonu min, Antono. Mi devus akcepti vin en mia koro kvazaŭ filon, ĉar de vi devenas la helpo, la karesoj, la pacienco, la donacoj, mi scias… sed kial ni insistas ami kaj atendi tiujn, kiuj eĉ ne toleras nin? Kial vi ne rezignas pri mi, mia bona diableto?

— Kiam mi estis tre juna, mia patrino forlasis min tute sola en ĉi tiu mondo kaj mi konis profunde kaj intense la doloron de la forlaso, de la angoro vidi la tempon foriri kaj forporti kun ĝi niajn lastajn esperojn.

Multe mi ploris, timis kaj suferis, sed iam, ĉar mi estis helpata de bonkora homo, mi decidis ŝanĝi mian doloron je helpo al aliuloj, ĉar tiu estas la sola maniero forigi la malĝojon, la timon kaj la angoron de mia koro.

Se vi ne akceptas min kiel vian filon ne gravas, mi delonge adoptis vin kiel mian patrinon.

Maria post longa suspiro kaj pala rideto, decide etendis la brakon al li kaj diris:

— Venu, do, akompani min en promenado tra la korto de nia domo, filo mia.

— Plezure, panjo. Ni iru, do.

Kaj Antono ornamis ŝiajn harojn per flava rozo, rikoltita el la ĝardeno.



**Fondita diskutgrupo por esperantistoj-teozofiistoj**

En UEA estas reprezentitaj multaj "fakaj asocioj" (aliĝintaj, kunlaborantaj aŭ nealiĝintaj), inter ili pluraj religiaj kaj filozofiaj, ekzemple Ateismo, Bahaismo, Budhismo, Islamo, Katolikismo, Mondpaca Esperantista Movado, Rotario, Spiritismo. Ĝis nun mankas, inter aliaj, Teozofio. Por reprezenti estontece Teozofion en UEA — kaj ĝenerale por ke ekzistu grupo de esperantistoj-teozofiistoj — estis fondita en Decembro de 2014 la grupo *Teozofio Esperante*. Vi estas invitita viziti ĝian retpaĝaron: www.teozofioesperante.org

Herbert A. Welker

**La Franca Esperanto-kastelo deziras al vi pacan 2015 kaj informas pri sia programo:**

Apr-03/08: Renkontiĝo de Interkant' kaj kunkantado kun La Kompanoj
Apr-17/25: PRINTEMPaS, intensivaj kursoj kun Zs. Korody, Ch. Chazarein, M. Quenut: http://gresillon.org/printempas
Apr-25/26: PRINTEMPaS, internaciaj KER-ekzamenoj (B1, B2, C1): http://gresillon.org/printempas
Jul-20/25: Reĝaj ekskursoj, UK-antaŭkongreso: http://gresillon.org/s2
Aŭg-01/08: Lingva semajno, lingvofestivaleto, tuj post la UK: http://gresillon.org/s3
Aŭg-08/16: Festa Semajno por infanoj kaj familioj: http://gresillon.org/s4
Oktobro: AŬTUNE, lingva seminario kun Christian Rivière k.a.

Jara agendo/kalendaro en http://gresillon.org/agendo

Por la aŭgustaj semajnoj aŭ poste, ni bonvenigas viajn proponojn por instrui vian lingvon aŭ Esperanton, por prelegi/konferenci aŭ por animi aktivaĵojn por infanoj.

Skribu al bertox@free.fr
Maison Culturelle de l'Espéranto / Esperanto-KulturDomo de Grésillon
St. Martin d'Arcé, 49150– BAUGÉ-EN-ANJOU, Francujo – Telefono: +33-241 89 1034

2-a Vina
Vintra Aranĝo de BEJO
2015
4-7 junio
Tendumejo Macuco
Valinhos - SP



# BEL-Konferencoj

## 3–4 Aprilo 2015

Museu do Banco de Crédito Real

Av. Getúlio Vargas, 455 – Juiz de Fora, MG

**Remetente:**
**Liga Brasileira de Esperanto**
**SDS, Ed. Venâncio III - sala 303**
**70393-902 Brasília-DF**

***Pode ser aberto pelos Correios***

Konferencejo